reveno. Por faciligi la havigon de tiug rabatoj, la Centra Organiza Komitato delegis la Agentejon « Les Voyages Pratiques » La aligantoj ricevos specialan demandaron respondotan kaj resendotan al tiu Agentejo, por la peto pri la rabatoj. Tial ke oni petas, ke tiu demandaro estos resendita antaŭ la 14-an de Aŭgusto por ricevi la rajtigan folion por tiuj rabatoj, estas tre urĝe ke la personoj, kiuj deziras aliĝi al la Kongreso kaj ne jam sendis sian aliĝon, sendu ĝin *kiel eble plej frue*, por ke ili povu ricevi ĝustatempe la necesan demandaron.

### STENOGRAFA OFICEJO

Bonaj Esperanto-Stenografistoj (prefere Stolze-Schrey'anoj), kiuj venos Kongreson kaj volas helpi la verkadon de plene detala raporto pri la oficialaj paroladoj kaj la diskutadoj por ĉiutaga Kongresa organo kaj eldonota Kongresa libro, sendu kiel eble plej baldaŭ sian aliĝon al :

*Oficejo de Esperanto kaj Stenografio Laufon (Bern) Svislando.*

Oni bezonas 4 ĝis 6 personojn, kies skribrapideco certa estas almenaŭ 180 ĝis 200 silabojn minute. (Francaj stenografistoj rimarku, ke ni parolas tie pri silaboj kaj ne pri vortoj).

Aliĝojn al ĝenerala kunveno de stenografistoj al sama adreso.

### RESULTATO DE L'KONKURSO PRI AFIŜOJ

1a. — « Unuigo per kompreniĝo ». S-ro. Robert de Coninck, Marseille. Premio : 50 frankoj.
2a. — « La Verdo de l'espero ». S-ro. Firmin Baeyens, Berchem, Anvers, Belglando.
3a. — « La Suprématie ». S-ro. Jom Yuile, Glascow, Skotlando.
4a. — « La Prezidanto ». S-ro. J.-A. Woodhead, Leeds, Anglolando.
5a. — « Verda Stelo ». S-ro. Finez Grégoire, Paris.
6a. — « Signo Fiŝoj ». S-ro. Alfred-J. Hulme, Shrewsburg, Anglolando.
7a. — « L'Ami Karo ». S-ro. J. Chapuy, Lyon.
8a. — « Esperanto ». S-ro. Wm. W. Hide, Wimbledon, Anglolando.
9a. — « En la mondo venis nova sento ». S-ro. Louis Bernard, Paris.
10a. — « Naŭ Koroj ». S-ro. P. Wilhardt, Aaboulevard 80, Kjobenhavn, Danemark.

K. T. P.

## PARTO NEOFICIALA

## KOMERCO & INDUSTRIO

Ni enpresos regule sub tiu rubriko la komunikaĵojn rilatajn al la progresoj de Esperanto en la komerco kaj la industrio.

### La Rhodesia (Rodezia) Muzeo en London

Ni ricevis la jenan leteron :

La Direktoraro de la « British South Africa Company » havas la honoron informi vin ke ĝi kore invitas ĉiujn interesatajn pri « Rhodesia » viziti ĝian Muzeon, (2 London Wall Buildings, E. C.) kaj ĝi volonte sendas senpage al ĉiuj demandantoj ilustritan Albumon pri « Rhodesia », kiel la ekzemplero sendata al vi samposte.

La Direktoraro esprimas la esperon, ke vi presigos tiun-ĉi informon en la venonta numero de via jurnalo « Esperanto ».

A. T. MILLARD,
*Assistent Secretary.*

Rimarku niaj legantoj, ke la « Brita Sudafrika Kompanio » estas administranto de landaro sepoble pli granda ol Anglujo. Gia aliĝo al nia afero estas do ne sensignifa.

### Stephens Inkoj

La fama firmo « Inkoj de Stephens » en Londono, sendis al ĉiuj esperantistoj, kies adresojn ĝi trovis, la jenan leteron, kune kun tre interesa kolekto de reklamoj, katalogoj, kc, en Esperanto, kaj letero atentinda de D-ro Zamenhof.

Pro la ĝentileco de la Brita Esperantista Asocio mi povas sendi al vi la enmetitajn inksorbilojn kune kun sciigoj pri miaj diversaj fabrikaĵoj, kiuj espereble interesos vin.

Miajn inkojn vi kredeble jam fame konas; se vi ankoraŭ ne uzadas ilin, mi profitas tiun ĉi okazon, petante vin bonvole fari provon el ili.

Se vi konas iujn Esperantistojn, kies nomoj ne sin trovas en la Tutmonda Jarlibro, mi plezure sendos similan paketon de cirkuleroj al ĉiu el ili, de kiu mi ricevos esperantan poŝtkarton kun la nomo kaj adreso legeble skribitaj.

*Vere via,* HENRY C. STEPHENS.

## « PROGRESO »

« La Progreso » Internacia Komercista Esperanta Societo, sidejo Frankfurt a./M., neue Mainzerstr. 59, progresadas : ĉe ĝia fondo de kelkaj semajnoj ĝi havis ĉirkaŭ 100 membrojn, nun ĉirkaŭ 200, inter ili 8 firmojn. Ĝi sukcesis, gajni por ĝiaj celadoj la « Kaufmännischer Verein » kiu hava 17.000 membrojn kaj kiu publikigis en ĝia organo : « Kaufmännische Zeitung » laŭvorte la tutan paroladon, kiun S-ro Feyerabend faris ĉe la fondo de la societo. Plue, ĝi donis al la juna societo senpage instruejon por esperanta instruo. Ankaŭ urban lernejon la societo obtenis, por lernigi en tio Esperanton. Devas esti speciale akcentata, ke la « Progreso » tute ne volas konkuri je la Esperantistaj Grupoj. Tri estraranoj de la Esperantista Grupo Frankfurt a./M. inter ili la prezidanto S-ro Küchler mem, estas ankaŭ en la estraro de la « Progreso ». En urboj en kiuj jam ekzistas Esperantistaj Grupoj, la « Progreso » rekomendas al siaj membroj uzi la lernkursojn de tiuj, ĉar ĝia ĉefega celado estas provizore : *la propagando de Esperanto nur inter la komercisaro* kaj en tiu maniero, ĝi multe povas helpi la agadon de la Esperantistaj Grupoj, kiuj hodiaŭ havas la malfacilan taskon de la propagando de Esperanto inter la plej diversaj homaj klasoj kaj profesioj. Kiu estas la homo, kiu la plej ofte devas interkomunikiĝi kun la reprezentantoj de la plej diversaj nacioj ? la komercisto! Li do unue ekkonos la gravegecon de nia ideo kaj post la praktika konsidero de la moderna komercisto tre rapide malaperos la antaŭjuĝojn al kiuj ofte ankoraŭ renkontas la ĝenerala propagando de nia afero inter la diversegaj profesioj.

Antaŭen do, la celo estas klara antaŭ niaj okuloj, ni streĉu ĉiujn fortojn por ĝin atingi ! *(Komunikaĵo.)*

### Oficiala Himno de la II-a Kongreso

La Loka Organiza Komitato de la II-a Kongreso elektis kiel oficialan kanton la belegan himnon « La Vojo », paroloj de D-ro Zamenhof, muziko de Deshays, kun kvarvoĉa aranĝo kaj orgena akompano de de S-ro. M. de Ménil.

Jen la paroloj de tiu versaĵo, kiun ni ĉiuj devas parkere koni. Musika eldono preparigas per la zorgoj de Presa Societo.

### LA VOJO

Tra densa mallumo briletas la celo,
al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al stelo en nokta ĉielo
al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
nek batoj de l'sorto, nek mokoj de l'homoj,
ĉar klara, kaj rekta, kaj tre difinita
ĝi estas la voj' elektita.

* * *

Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
pri tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas,
ni semas kaj semas konstante.
« Ho ĉesu ! » mokante la homoj admonas,
« Ne ĉesu, ne ĉesu ! » en kor'al ni sonas :
« Obstine antaŭen ! la nepoj vin benos
« se vi pacience eltenos. »

* * *

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
velkantajn foliojn deŝiras
ni dankas la venton kaj repuŝigitaj,
ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro
kaj ĝin ne timigas nek baro nek staro :
senlace ĝi iras provita, hardita,
al cel' unu fojon signita.

* * *

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
ni iru la Vojon celitan !
Eĉ guto malgranda, konstante frapante
traboras la monton granitan.
L'Espero, l'obstino kaj la pacienco
jen estas la signoj, por kies potenco
ni paŝo post paŝo, post longa laboro
atingos la celon en gloro.

L. Lazaro ZAMENHOF.

## Societo „Esperanto-Jurnalo"

La 22an de Julio okazis en Dijono la unua kunveno de l'akciuloj de Esperanto-jurnalo kaj de l'administra Konsilantaro.

La statutoj de l'anonima Societo de Esperanto-jurnalo estis rajtigitaj. Provizore la anoj de l'administra Konsilantaro estas : S-roj Baire el Boulogne, Berthelot el Genève, Bord el Beaune, Borel el Berlin, Lambert el Dijon, Renard el Genève, Schneeberger el Laufon.

Kiel delegito-administranto de l'jurnalo estis elektita S-ro. Berthelot.

Neniu prenos la titolon de ĉefredaktoro. S-ro. Berthelot ricevos la tutan korespondadon pri la jurnalo. Sed oni kreis konsilan Komitaton de redaktado, kies ofico estos observi la bonan redaktadon, averti la administranton en necesaj okazoj kaj respondi la demandojn faritajn pri l'redaktado, Estas provizoraj membroj de tiu ĉi komitato : S-roj Baire, Berthelot, Boirac el Dijon, Bord, Borel, Lambert, Michaux el Boulogne, Renard, Rousseau el Beaune, Schneeberger, Soulier el Lyon.

Oni difinis la rolon de l'jurnalo ĉi tiel. Ĝi estos informilo, kiu informos la esperantistojn kaj neesperantistojn pri la esperanta movado, Ĝi ne estos precipe propagandilo, kvankam per sia akurata informado ĝi grande efikos por varbi novajn adeptojn al nia afero. Esence praktika, ĝi neniam diskutos pri la lingvo kaj precipe pri personoj. Tute neŭtra, ĝi staros ekster tio, kio povos disigi okaze la esperantistojn.

Tiel la respondeco de l'redakcio estos ne grava. Por ankoraŭ malgrandigi ĝin, oni enpresos nenian artikolon sen subskribo. La pseŭdonimoj estos akceptitaj nur se la aŭtoro de l'artikolo antaŭe donos sian veran nomon al la delegito-administranto. Ĉiu aŭtoro de artikolo respondos mem do pri sia skribaĵo. Kompreneble la jurnalo prenos sur sin nenian respondecon pri la anoncoj.

## AL LA KORESPONDANTOJ

— La demandoj pri *kartoj, stampiloj*, kaj *insignoj* de korespondantoj estos solvataj en la venonta administra kunveno.

— La helpa korespondanto principe estas anstataŭulo en la okazoj de foresto de la alia. Tamen ambaŭ povas fari inter si kian ajn regularon.

— Ni tre insiste petas niajn korespondantojn atenti pri la cirkulero kiun ili baldaŭ ricevos rilate la anoncado en la jurnalo. Tiu fakto estas tre grava. Se ili nin helpas, la tuta kosto de la gazeto povos esti pagata de la anoncoj, kaj ni tiel povos fari grandan senpagan disdonadon.

— La korespondanto saldas regule (monate) la konton de la vendistoj. Li ricevas mem monon kaj nevenditajn n-rojn. Tiujn ĉi li disdonos por la propagando, distranĉinte la angulon kun la dato, kiun li konservos, por ebligi kontroladon.

— Estas vendeblaj ankoraŭ kelkaj akcioj je la prezo Fr: 25. Statutojn de la Societo ni sendos senpage laŭ peto al la korespondantoj. Aliaj personoj volu aldoni unu frankon al la postulo.

LA ADMINISTRANTO.

## NOVA SIGNETO

La Frankfurta grupo proponas al la samideanoj simplan kaj malgrandan insignon, kies enkonduko estus tre malmultekosta kaj ankaŭ sukcesplena.

La insigno estas pinglo kun verda emajla kapeto. Gi estos fiksata en la angulo de la dektsra vestkolumo, bone videbla kaj tamen ne trudema. Pro tiu-ĉi afero ni nin turnis al la Centra Oficejo kaj al Dro. Zamenhof. Ni recevis la jenajn respondojn.

« Via ideo, proponi al la esperantistaro novan kaj malgrandan insignon, konsistantan el simpla pinglo kun verda kapeto, estas tre interesa, sed bedaŭrinde la Centra Oficejo havas nenian rajton kaj aŭtoritaton por mem proponi tiun ideon al niaj samideanoj ; ĝi nur povas doni al vi la konsilon, ke vi komuniku vian proponon al la esperantistoj per la helpo de la gazetoj. »

Centra Oficejo.

« Ĉia signo, kiu donas al la esperantistoj la eblon ekkoni unu alian en vojaĝo aŭ en publikaj lokoj, estas laŭ mia opinio tre dezirinda. Se la frankfurta grupo ĝin akceptis, mi estas certa, ke baldaŭ ankaŭ la aliaj grupoj kaj apartaj esperantistoj imitos tiun ĉi ekzemplon. » Dro. Zamenhof.

Estas fakto, la samideanoj pro diversaj kaŭzoj ne ĉiam kaj ĉie surmetas la verdan stelon ; kiel ofte estas esperantistoj najbaroj en vojaĝo, kafejo, restoracio k. t. p., ne ekkonante sin reciproke. Ili ne povas paroladi kune esperante kaj fari la plej bonan propagandon por nia bona afero. Ni ne kontraŭbatalas la verdan stelon; kontraŭe. Ni nur proponas duan signon plej simplan. La verda pinglo modesta kaj tiel malmultekosta, ke ĉiu esperantisto sen escepte povas aĉeti tian, povas paradi sur ĉiu vesto.

La prezo estas po 50 pingloj 20 pfenigoj ; po 100 pingloj 35 pf.

La sendkostoj estas internacie 10 pfenigoj.

Direkti la mendojn al la Esperantista Grupo Frankfurto a/M, je manoj de S-ro. C. Barthel, Wœhlerstr. 14.

## Gazetoj Esperantistaj

Oni povas aboni ĉiujn gazetojn Esperantistajn ĉe l'Administrado de « Esperanto ». Aldoni po 0.10 por korespondaj elspezoj. Nenia garantio de regula apero.

**Lingvo Internacia,** duonmonata revuo por Esperanto, eliranta la 1-an kaj la 15-an de ĉiu monato.

Jara abono : sen literatura aldono 5 frankoj, kiun sumon oni sendu laŭeble per poŝta mandato. (Por papermonoj ni kalkulas : 5 frankoj = 2 rubloj = 4 germ. markoj = 4 ŝilingoj = 1 dolaro = 2,50 hol. floreno = 4 skand. kronoj = 5 aŭstro-hungaraj kronoj.) — Kun literatura aldono 7 fr 50.

Prezo de ĉiu numero : 40 centimoj ; numero de la Kongreso : 60 centimoj.

**Tra la Mondo,** tutmonda multilustrata revuo monata, tute en Esperanto. — Nuntempaĵoj, Pri Esperanto, Arto kaj Literaturo, Sciencoj, Komerco kaj Industrio, Militistaro, Maristaro, Teatro, Sportoj, Virina kaj Gejunula paĝo, Felietono, Konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l'landoj aludataj. — Jare 8 frankoj ; kvaronjare, 2 fr. 25. — Redakcio : S-ro Montrosier, *8bis*, rue de l'Ecu d'Or, Orléans ; Administracio . 15, Boulevard des deux Gares, Meudon (S.-et-O.) France

**Espero Katolika,** 32-paga revuo monata tute en Esperanto, malfermata por ĉiuj. Rakontoj, artikoloj pri nuntempaj aferoj, ŝakoj, k. c. Jare : 5 fr. (en Franclando 4 fr.) Presejo A. Barbot, 15, rue Etienne Pallu, Tours (France).

**Espero Pacifista,** monata organo de l'*Internacia Societo Esperantista por la Paco* (krom avizo kontraŭa, la abonintoj estas enskribitaj kiel aliĝantoj al la Societo). — Jara abono (aŭ minimuma kotiza) : 5 frankoj. La Societo akceptas ankaŭ opajn aliĝojn. Sin turni al S-ro Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France).

**Internacia Revuo Medicina,** monata organo por praktika medicino, redaktata en Esperanto kaj diversaj lingvoj naciaj, de diverslandaj kuracistoj. Celas ne nur la Esperantan, sed ankaŭ la kuracistan utilon. Jara abono : 7 fr. (en Franclando 6 frankoj). Paris, 33, rue Lacépède.

**Esperanta Ligilo,** ĉiumonata revuo, Th. Cart. ĉefredaktoro, 12, rue Soufflot, Paris V. — Abonkosto : 3 fr. jare.

**Juna Esperantisto,** illustrata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj. Eliras monate Literaturaĵoj, teatraĵoj, karikaturoj Jara abono : 2 fr. *Presa Esperantista Societo*, 33, rue Lacépède, Paris.

* *

**L'Espérantiste,** oficiala revuo de la Societo franca por la propagando de Esperanto, 24 paĝoj (formato 15 × 20) da teksto franco-Esperanta aŭ nur Esperanta, 8 paĝoj kovrilaj (nomaroj de Esperantaj verkoj kaj de ĉiuj grupoj de la S. f. p. E,), *Internacia Korespondato Esperanta* senpage disponebla por la abonantoj — 3 fr. 50. *Jarabono* (1-a de januaro, aprilo, julio, oktobro en Francujo 3 fr., ekster Frankujo : 3 fr. 50; kun enskribo en la Francan Societon : 4 fr. ĉie. —

**La Belga Sonorilo,** organo de la Belga Ligo Esperantista. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata France, flandre kaj esperante. Jara abono : 4 frankoj. — Redaktoro-administranto, al kiu oni ĉion sendu : J. Coox, Duffel, Belgique.

**Germana Esperantisto,** organo de diversaj germanaj grupoj esperantistaj. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata germane kaj esperante. Jara abono 4 frankoj. Administracio koj Redakcio : Esperanto Verlag, Möller & Borel, Berlin, S., 95, Prinzenstrasse.

**The British Esperantist,** oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio; 12 paĝoj da novaĵoj k. c. anglo-Esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono tute en Esperanto. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) — Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A. 13 Arundel Street, Stand, London.

**Ruslanda Esperantisto,** ĉiumonata organo de la Societo « Espero » en Esperanto kaj parte en rusa lingvo. — La detalaj prospektoj estas estas riceveblaj senpage. — Adreso : Ruslando, St.-Peterburgo, B. Podjaĉeskaja, 24, la Societo « Espero ». — La jara abonpago (kune kun membriĝo en la Societon) 3 rubloj (7 fr. 50).

**La Revuo,** Internacia monata literatura gazeto kun la konstanta kunlaborado de D-ro LL. Zamenhof. Tiu nova Revuo, tute redaktata en Esperanto, estas pure literatura ; ĝi enhavas : novelojn, romanojn, poeziojn, komediojn, dramojn, seriozajn studojn pri historio, geografio, statistiko, popolmoroj, k.c., kronikon tre mallongan pri la ĉefaj mondaj okazintaĵoj, bibliografion.

Ĉio politika, religia, aŭ kio povas naski disputojn, estos malakceptata de la Redakcio.

D-ro L. L. Zamenhof sola povos verki artikolojn pri la lingvo.

La 1-a numero aperos la 1-an de septembro 1906. okaze de la II-a Universala Kongreso de Esperanto. ĉiu numero 0 fr. 50 — jara abono 6 fr. Librejo Hachette kaj k-o, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris.